# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

37a jaro septembro-oktobro N-ro 5



Moderna motora trajno - survoje al Skopje - pasas la jugoslavian ĉefurbon Beograd.

foto: Z. Spalajković

## REDAKTORA BABILO

Ni forte strebas aliri la situacion, ke ni ne malfruas.

La nuna numero enhavas buntecon de legaĵoj, sed ankoraŭ mankas io de la 37a kongreso, ekzemple ĉio pri la Literatura Konkurso "Bonvojaĝu" kaj pri la kunveno de d-ro Menabene. Pri tio ni planas aperigi ion en la venonta IF.

La 70a UK en Augsburg enhavis - kiel vi povas legi - almenaŭ du gravajn erojn: la fervojan informstandon kaj la fervojistan kontaktkunvenon.

Komence de septembro la IFEF-estraro kunvenis en Bergen (N), kaj montriĝis i a, ke alproksimiĝas la Jubilea Jaro de Esperanto.

Kaj post nuraj 7-8 monatoj ni kongresos en Skopje.

Dankon pro kontribuaĵoj. Ke la alfluo daŭru deziras

Red.

## TERMINARA FONDUSO

La opinio de la Kasisto estas, ke ne gravas, kiuj kontribuas al la Terminara Fonduso, se nur ĝi kreskas, kaj prefere rapide.

Do, la listo:

| | DKK |
|---|---|
| W. Heimlich ..... | 180,00 |
| Anonime ......... | 240,00 |
| W L van Leeuwen.. | 450,00 |
| Y Hiltunen....... | 100,00 |
| entute........... | 970,00 |




INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO

**Sekretariejo:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 d, D-3067 Lindhorst
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj)
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# 38A IFEF-KONGRESO

**17a-23a de majo 1986**

**Skopje, Jugoslavio**

**Konstanta adreso: 38a IFEF-kongreso, "Feroturist" pf 270, YU-9100 SKOPJE**

## RIPETO PRO ELFALO

En nia mencio pri la 38a IFEF-kongreso en n-ro 3-4 (paĝo 64) bedaŭrinde elfalis linio, tiel ke la rezulto estas misinformo. Ni ege bedaŭras tion, kaj haste ripetas la koncernan informon, nome pri kongreskotizoj:

La kongreskotizo estas indikita en usonaj dolaroj (USD), sed oni akceptos kian ajn okcidentan valuton je egala valoro. Ĝis 31.1.1986 validas jenaj kotizoj:

IFEF-membro (ankaŭ emeritulo) 30 USD
Familiano kaj junul(in)o ĝis 20jara .................. 15 -
Ne IFEF-membro .............. 36 -
Simpatianto (ricevos la kongresmaterialon, sed ne partoprenos la kongreson), minimume 10 -
Ĉambroperado (po lito) kaj bankelspezoj ................. 4 -

Tri ekskursojn LKK aranĝos:
1. Duontagan dimanĉe je prezo 5 -
2. Duontagan marde - - 5 -
3. Tuttagan ĵaŭde aŭtobuse al Ohrida lago .............. 15 -

Same kiel en Vejle LKK aranĝos komunan manĝon, lunde je h 19a je prezo proksimume .......... 10 -

Kvar kategorioj de tranoktado ekzistas:
A. En hotelo kun bano/duŝo je prezo po lito 22-30 -
B. En hotelo kun bano/duŝo je prezo po lito 17-22 -
C. En hotelo kun bano/duŝo je prezo po lito 13-17 -

La prezoj inkluzivas matenmanĝon en la koncerna hotelo.

D. Kampadejo aŭ motelo sen matenmanĝo je prezo po lito 13-17 -

La provizora programo aspektas tiel:

| | | |
|---|---|---|
| Sabate | 17/5: | Interkona vespero |
| Dimanĉe | 18/5: | Diservoj<br>Solena malfermo<br>1a duontaga ekskurso aŭtobuse tra la urbo kaj ĉirkaŭaĵo<br>Teatra vespero |
| Lunde | 19/5: | Kunvenoj de Komisionoj<br>Komuna manĝo kaj internacia balo |
| Marde | 20/5: | 1a plenkunsido<br>2a duontaga ekskurso aŭtobuse tra la urba ĉirkaŭaĵo<br>Libera vespero |
| Merkrede | 21/5: | 2a plenkunsido<br>Fakprelego<br>Folklora vespero |
| Ĵaŭde | 22/5: | Tuttaga ekskurso al Ohrida lago |
| Vendrede | 23/5: | Aktualaĵoj el mia lando<br>Komisionaj kunvenoj<br>Solena fermo kaj adiaŭo |

Al la supraj iom sekaj informoj ni venontnumere donos sciigojn pri la kongreslando kaj -urbo.

## 29A JARKUNVENO DE GEFA
## 4A ĜIS 6A DE OKTOBRO 1985 EN LICHTENFELS

Kunvenejo: "Bergschlossrestaurant unter dem Fernsehturm".

Unua informo: En la stacidomo
Akceptejo: en la kunvenejo
Informejo kaj akceptejo estas malfermataj:
4an de Oktobro 13 - 20 h
5an de Oktobro 9 - 12 h

**Programo:**
Ciuj aranĝoj okazos en la kunvenejo aŭ komenciĝos kaj finiĝos tie.

**Vendredon, la 4an de Oktobro**
Gazetara konferenco 10 h
La urbestro akceptas 17 h
la estraron kaj la komisiitojn en la urbdomo
Estrarkunveno 19 h
Renkontiĝo kun muziko kaj la folklora geknaba grupo "D' Werdenfelser" prezentas popoldancojn

**Sabaton, la 5an de Oktobro**
Estrarkunsido kun la komisiitoj 9 h
en la Kolpingsalonego
Lingva ekzameno skriba parto, 9 h
ne publike, en "Frankenstube"
Urba gvidado kun ebleco aĉeti 9 h
korbvarojn
Komuna tagmanĝo 12 h
Aŭtobusekskurso al monaĥejo 13.30 h
Banz, baziliko Dekkvar-sanktuloj, korbmuzeo Michelaŭ kun kafopaŭzo
Komuna vespermanĝo 18.30 h

FESTVESPERO
Malfermas la distrikskomisiito de Nürnberg
GEFA-prezidanto J. Giessner salutas la gastojn
Salutvortoj de la germanaj kaj eksterlandaj gastoj

**Kunagantoj**
Danc- kaj distra orkestro Adelbert Höfer
Virina dancgrupo de la gimnastika klubo TS Lichtenfels
Fratinoj Maurer eeder, kantas

**Dimanĉon, la 6an de Oktobro**
Lingva ekzameno, buŝa parto 9.30 h
publike
MATINEO 9.30 h
Filmo de W. Barnickel pri "150 jara fervoja jubileo en Germanio"
Jarraporto de la GEFA-prezidanto
Lumbildprezentado de BSW-fotogrupo Lichtenfels pri nia gasturbo
Stud.dir. Grötzner, Kronach deklamas
Ni kantas kune kun la fratinoj Maurer
Magia artisto Harry Wendt
Finsalutvortoj de la GEFA-prezidanto
Komuna tagmanĝo kaj adiaŭo

**Rimarkoj:**
Vi povas partopreni la diservojn la 6.10:
Spitalpreĝejo evangelia 8 h
Urbpreĝejo katolika 8.30 h

En la jarkunveno laboros kurtonda stacio de la loka BSW-radioamatoroj.

Informoj kaj aliĝoj ĉe: Hans Müller, Zweigstr 2, D-8620 Lichtenfels (deĵore Hans Müller, D-8620 Bf (Bp) Lichtenfels)

## RADIO-AMATOROJ

Kiel en Mönchengladbach pasintjare ankaŭ en Lichtenfels dum la kongresaj tagoj fervojistaj radio-amatoroj el nia urbo kaj ĉirkaŭaĵo eluzas siajn sendstaciojn por informi eksterlandajn radio-amatorojn pri la GEFA-aranĝoj.

Radioamatora sendstacio en la 29a GEFA-jarkunveno en Lichtenfels/Bavario.

En la jarkunveno laboros kurtonda stacio de la loka BSW radio-amatoroj, aŭdebla en la tuta mondo. La voksigno estas D L Ø C Y.

## "POSTKONGRESO" EN NORVEGUJO AŬ

## SUR LA SPUROJ DE LA 17A IFEF-KONGRESO



"Postkongresanoj" kaj s-ro Krogstie en Hamar, ruino de la antikva katedralo.

La situo de la dana urbo Vejle donis al ni la ideon, krom la partopreno en la 37a IFEF-kongreso fari vojaĝon al la lando de la 17a kongreso en la jaro 1965 - Norvegujo.

Ni - geedza paro el Italio, mia edzino kaj mi - veturis vendrede, la 24an de majo 1985 de Vejle al Frederikshavn, ĉe la norda pinto de la dana Jutlando. Tie ni tranoktis kaj sekvintan tagon je la 9a horo ni ŝipveturis tra la markolo rak al Oslo. Estis agrabla dekhora vojaĝo, ĉar komforta ŝipo, bona manĝaĵo, bela vetero. Dum la veturado ene de la Oslo-fjordo ni ĝuis ravan pejzaĝon.

En Oslo ni loĝis - dank' al helpo de s-ro Krogstie el Hamar - en tre malmultekosta ejo. Tio gravas, ĉar laŭ nia kompreno Norvegujo estas multekosta lando. Ekzemple, unu tagmanĝo en hotelo de Oslo kostas pli (45 NKR) ol la kongreskotizo de la 17a IFEF-kongreso 1965 (40 NKR). Ni vizitis la ĉefurbon, muzeojn, ekzemple tiujn kun la flosoj Kon-tiki kaj Ra kaj kun la ŝipoj Fram kaj de la vikingoj kaj ĝuis la belan veteron dum la du pentekostaj tagoj.

Lunde ni trajne vojaĝis al Hamar, la kongresurbo de la 17a IFEF-kongreso. Tie atendis nin s-ro Krogstie, kiu gvidis nin tra la urbo, montrante i.a. la iaman kongresejon. Poste ni estis en la ruinoj de la antikva katedralo kaj dum longa tempo en la fervoja muzeo, kies kuratoro s-ro Krogstie ja estas. Ni veturis per la vaportrajno kaj ĝuis filmon pri la belecoj de Norvegujo. Ni kaftrinkis en la hejmo de nia gvidanto, vidis la Esperanto-vojon en Løten kaj la Esperanto-straton en Elverum, la lasta estis inaŭgurita okaze de ekskurso dum la 17a IFEF-kongreso en 1965.

La saman vesperon ni daŭrigis nian vojaĝon per nokta trajno de Oslo al Bergen, kie ni kontaktis la IFEF-vicprezidanton, s-ro Engen. Ni ĝuis iom de la bela urbo, kvankam pluvis, la unusola pluvtago dum dusemajna vojaĝo. Revojaĝante al Oslo dumtage ni vidis el komforta trajno la ravajn belecojn de tiu lando: altajn montojn neĝkovritajn, lagojn kun glacio, profundajn valojn, rapidajn riveretojn kaj staciojn meze de neĝo - rara okazaĵo fine de majo.

Denove en Oslo, ni renkontis en la stacidomo grandan hispanan grupon el kongresintoj de Vejle, kiu ankaŭ estis vojaĝanta tra Norvegujo kaj kiu uzis la saman trajnon kiel ni al Kopenhago.

Ree en FR Germanio nia grupeto disiĝis: ni du restis hejme kaj niaj geamikoj daŭrigis la vojaĝon al Italio. La postkongresaj tagoj finiĝis.

Walter Ullmann (FR Germanio)

## NI REMEMORAS PIONIRON



En aùgusto ĉijara ni rememoris 110-jaran datrevenon de la naskiĝo de ĉeha samideano Josef Řebiĉek. Li naskiĝis la 6an de aùgusto 1875 en Salgótarján (Hungario) kaj mortis la 6an de majo 1960 en Dvorse na Moravê (Ceĥoslovakio). Li estis unu el la plej fruaj esperantistoj-fervojistoj, kiuj konsciis pri la granda signifo kaj ekonomia valoro de nia lingvo por la internaciaj rilatoj en la fervoja servo. Seninterrompe li verkis, tradukis, laboris dum jardekoj por IAEF kaj IFEF.

Laù lia rekomendo de la propono de Esperantoklubo en Olomouc la tiama fervojministerio en Ceĥoslovakio per cirkulero n-ro 56 321-20-pres/2 de 22.1.1921 rekomendis al la fervojdirekcioj de CSD okazigi Esperantokursojn. La fervoja direkcio en Olomouc eldonis en 1921 Konversacian Kajereton por ebligi interkompreniĝon de fervojistoj kun eksterlandaj pasaĝeroj. En la distrikto de la direkcio Bratislava laù ties rekomendo 110 fervojistoj lernis Esperanton.

Josef Řebiĉek estis admirinde diligenta, senlaca homo. Ciun liberan momenton li dediĉis al laboro por kaj per Esperanto. Li multe tradukadis kaj subtenis la fakan movadon per kontribuaĵoj al la tiama "La Fervojisto", organo de la tiama Internacia Asocio de la Esperantistoj-Fervojistoj (IAEF). Li kontribuis fervore ankaù al la tutŝtata gazeto "Ligilo" kaj aliaj gazetoj. Multaj liaj kontribuaĵoj aperis sub diversaj pseùdonimoj, plej ofte "Dianto".

En la jaro 1930 aperis unuafoje en la E-movado grava faka traduko pretigita de Josef Řebiĉek, nome "Internaciaj konvencioj pri person-, pakaĵ- kaj frajtaĵtrafiko". Tradukante la konvenciojn li kreadis kaj kolektis multajn necesajn terminojn komercfakajn. Post la dua mondmilito li pretigis ankaù tradukon de la nove validiĝintaj samspecaj Konvencioj kune kun la koncernaj Doganinstrukcioj aù konvencioj, kies manuskripton li dediĉis al Esperanta Muzeo en Vieno.

Li partoprenis ankaù la duan provon oficialigi E-on en fervoja servo. Tio okazis post la dua mondmilito, verŝajne en 1947. Laù rememoroj de lia filo Jaromír Řebiĉek iniciatintoj estis niaj hungaraj kolegoj, kiuj proponis uzi E-on en la fervojaj interrilatoj Hungario-Ceĥoslovakio. Josef Řebiĉek estis tre seniluziigita pro ĝia fiasko.

Pri liaj interrilatoj kun eksterlandaj samideanoj koncerne la fakan movadon ni scias malmulte, ĉar li sendube neniigis ĉiujn siajn korespondaĵojn komence de la dua mondmilito, timante senkaùzajn persekutojn de Gestapo, arestinta kaj poste torturmurdinta en la koncentrejo lian plej sindonan kunlaborantinon kaj preskaù samfamilianinon Tonĉa Mrázková.

Josef Řebiĉek do certe meritas la titolon de pioniro pri la fervojista Esperanto-movado. Lia nomo restu dankeme en nia memoro, ar lia formike diligenta, senlaca, oferema laboro por nia afero estas egale valora kiel tiu de la konataj, meritplenaj organizantoj de nia fervojista Esperantomovado.

Honoron al li!

Jindřich Tomíŝek

## HISTORIA BIP-BIP RIPETATA EN LA LISBONA PLANEDAREJO

Nia portugala membro, s-ro Caeiro de Sousa, sendis al ni la ĉisuban artikolon de la julia-aŭgusta numero de la portugala "Nia Bulteno".

Historia BIP-BIP aŭskultata de Portugala PTT 28 minutojn antaŭ BBC el Londono, estas prezentata en junio kaj julio en la Planedarejo de Lisbono.

Eksfervojisto de la urbo Barreiro, freŝdate "devigis" la koncernajn servojn de PTT fari serĉadon en ĝiaj arkivoj por trovi sonbendigadon de la radiaj signaloj, kiujn la unua nenatura satelito Sputniko elsendis en 1957.

En la pasinta semajno, tiu ĉi amanto de spacialaj aferoj jam kapablis prezenti al centoj da lernantoj de la duagrada lernejo en urbeto Odivelas la faman BIP-BIP-on, tre similan al rana kvakado.

Jarojn antaŭe, en glora tago por la kontrolservoj de la radioelektraj elsendoj, Lisbono estis la unua loko en la mondo, kie oni kaptis la radiajn signalojn elsenditajn de Sputniko I. Estis la 00-a horo kaj 17 minutoj GMT de la 6a de oktobro 1957.

"Mirego" kaj "sensacio", jen la esprimoj preferitaj de la tiutempaj ĵurnaloj por komentarii la novaĵon sciigitan de Moskva radio la antaŭan tagon, anoncantan la sukcesan elĵetadon de artefarita satelito en la eksteran spacon.

Centoj da oficialaj kaj privataj observantoj tuj ekstrebis iĝi la unuaj aŭdantoj de la ekfamiĝantaj radiosignaloj.

Pli malfrue oni konkludis, ke la radioelektraj servoj de PTT en urbeto Barcarena estis la unuaj, kiuj detektis tiujn signalojn, 28 minutojn antaŭ BBC en Londono.

La nura diferenco estis, ke BBC tuj en la sekvanta mateno prezentis la signalojn al milionoj da radioaŭ-



22 jarojn post la flugo de Valentina Tereŝkova: Tago de inaŭguro en Planedarejo.

dantoj, kvankam la BIP-BIP-o sonbendigita en Portugalio restis pli malpli forgesita en arkivo de urbeto Barcarena.

Caeiro de Sousa, 60 jaraĝa, kaj posedanto de arkivo pri spacialaj aferoj - kiun oni taksas unika en la tuta mondo - ne trankviliĝis ĝis kiam li sukcesis akiri la faman sonbendigadon.

Nun li povas prezenti tiun faman BIP-BIP-on kune kun siaj laùskalaj miniaturaj Sputnikoj, Apoloj, Vostokoj, Sojusoj kaj Saljutoj, krom lunveturilo.

"Mi iomete malsatas nun, sed mi preferas ĉi tiun ekspozicion ol manĝi fazeolkuiraĵon", skribis iu studento de lernejo en urbeto Odilevas sur la honora libro de la ekspozicio.

Ĉi tiu estas la plej grava rekompenso por Caeiro de Sousa post siaj dudek ekspozicioj.

Pli ol tri mil gelernantoj vizitis la bibliotekon de la duagrada lernejo, kaj Ana Mafalda, sep-jaraĝa etulino, bonvolis skribi sur la honoran libron: "Mi multe ŝatis la mondon, mi vidis la spacon, mi venis kune kun miaj gekolegoj."

Por la infanoj - Caeiro de Sousa asertis - estas pli interese vidi la miniaturajn kosmoŝipojn ol aùdi la sonbendigadon de la radiosignaloj.

Antaù 28 jaroj, PTT posedis en urbeto Barcarena "unu el la plej bonaj radioelektraj servoj je monda nivelo" - diris al portugala Novaĵagentejo la respondeculo de la radioelektraj servoj de PTT.

"Malfeliĉe la situacio jam ne estas la sama, almenaù nuntempe" - li aldonis.

La unua aùdado de la sputnika BIP-BIP-o tiutempe eblis dank'al la emo de la respondeculo de la centraj servoj de urbeto Barcarena, José Verdasca, kiu ordonis la muntadon de diversaj specialaj antenoj.

Caeiro de Sousa, kiu posedas ĉe si pli ol 20.000 eltranĉaĵojn pri spacialaj aferoj, pretigas sian ekspozicion por la monatoj junio kaj julio en la Lisbona planedarejo, kiu memorfestas sian 20an datrevenon. Dum ĉi tiuj monatoj li organizas semajnon je honoro de Valentina Tereŝkova, la unua virino eniri en la spacon, kaj memorfesti la alvenon de la unua homo en la Lunon, la 21an de julio 1969.

Li bone scias, ke en la tuta mondo estas malmultaj kolektoj pri spacialaj aferoj, kaj li bedaùras, ke alia kolektanto, bulgaro, ne estas esperantisto kiel li mem por ke ambaù povu interŝanĝi korespondadon.

Flanke de spaciala plumingo, kiu skribas en iu ajn pozicio, kaj de du kafpasteloj uzitaj de astronaùtoj, Caeiro de Sousa laboras por sia ekspozicio en la Lisbona planedarejo.

"Homoj, ni ne detruu nian domon, tiun ĉi grandan spacoŝipon, kiun ni nomas Tero. Kosmonaùtoj kaj astronaùtoj dum siaj vojaĝoj asertas, ke ĝi, vidita de tiom supre, estas ja tre tre treege bela", li skribis iutage.

(El "Diário de Lisboa" de la 23a de majo 1985).

Ps: Ĉu vi miris pri la vorto "spaciala"? Ne estas preseraro. Laù PIV "spaciala" = rilata al la kosmovojaĝoj.



## FERVOJA INFORMEJO DUM LA 70A UK

En la aŭgsburga kongresejo Germana Federacia Fervojo instalis laŭ peto de LKK informstandon, kie dum la tuta semajno tri membroj de Germana Esperanta Fervojista Asocio kune aŭ alterne - laŭ bezono - servadis al la kongresanoj. Komence oni vendis favorprezan trambileton tutsemajne validan, poste amasiĝis demandoj pri vojaĝeblecoj proksimen kaj malproksimen, petoj pri sidlok-rezervadoj, pri biletoj por fervojaj ekskursoj, kaj sennombraj informpetoj diverstemaj, foje nur malfacile aŭ tute ne respondeblaj. Sen troigo oni povas aserti, ke la speciala DB-giĉeto kun E-parolantaj fervojistoj disponeblaj en ĝusta loko kaj je ĝusta tempo, donis valoran servon al la kongresanaro.




## FERVOJISTA KONTAKTKUNVENO DUM LA 70A UK

Ĵaŭdon la 8an de aŭgusto 67 fervojistoj el 17 landoj renkontiĝis en la preskaŭ senhoma kongresejo aŭgsburga estis la tago de ekskursoj, krome en la urbo Aŭgsburgo estis festotago memore al religia packontrakto el 1555. Post diversaj salutvortoj Istvan Gulyás resume raportis pri la 37a IFEF-kongreso en Vejle (DK) kaj Gernot Ritterspach komentis diapozitivojn pri la komune vizitota ekspozicio en Nürnberg "150 jarojn fervojoj en Germanio" kun la celo faciligi la rondiradon tie. Trajne oni atingis la urbon Nürnberg kaj post komuna tagmanĝo la ekspozician terenon. Ravis la spektantojn la lerte aranĝitaj historiaj eksponaĵoj, la modernaj instalaĵoj kaj veturilaro, eĉ estontecaĵoj kiel la "ICE"-motortrajno, kiu nur en novembro 1985 komencos provveturadi. Por ĉies gusto ja troviĝis io rimarkinda, ĉiuspecajn interesojn kontentigis la propramane palpeblaj modeloj, objektoj kaj reglevumiloj - triumfis la slogano "praktiko superas teorion".

Ritt



Supre: Eta parteto de la ekspozicio de DB (Germana Federacia Fervojo)

Sube: Gruo levas lokomotivon - parto de la ekspozicio



## EL NIAJ LANDAJ ASOCIOJ

### Jugoslavio

**Duobla jubileo de JAFE**

Fervoja lerneja centro en Ljubljana estis scenejo sur kiu oni tre solene festis duoblan jubileon de fervojistoj esperantistoj en Jugoslavio: 60 jarojn de organizita Esperanto-movado inter jugoslavia fervojistaro kaj 30 jarojn de JAFE. La unuaj fervojistaj Esperanto-kluboj estis fonditaj nome en la jaro 1925 en Zagreb kaj Beograd kvankam jam pli frue oni lernis Esperanton kaj aktivis naci- kaj internaci-skale. Post la milito oni fondis JAFE en aprilo 1955 kiu intertempe disvolvis tre intensan aktivecon en la disvastigado de Esperanto inter jugoslaviaj fervojistoj.

La solenaĵon en Ljubljana ĉeestis ankaŭ prezidanto de IFEF sinjoro Giessner kaj reprezentantoj de IFEF-sekcioj el Bulgario kaj Hungario. Krom tio ankaŭ la fervojaj aŭtoritatoj kaj ĵurnalistoj kun granda intereso ĝuis la programon. Radio Zagreb poste aperigis pri tio intervjuon kun tri prezidantoj: Giessner (prezidanto de IFEF), Sredić (tiam prezidanto de JAFE) kaj Slabek (prezidanto de FES Zagreb, nun ankaŭ de JAFE). Al pluraj aktivuloj estis disdonitaj diplomoj kiel rekono por la plurjara sindona aktiveco.

Tre varman aplaŭdon meritis du novaĵoj: traduko kaj eldono de COTIF (nova Konvencio pri la internacia Fervoja Vartrafiko) kaj lernolibro por fervojistoj en slovena lingvo. La traduko de COTIF estis publikigita kiel speciala eldono de Jugoslavia Fervojisto (la unua ĉijara duobla numero) kaj estas ricevebla (senpage) kondiĉe ke oni komuniku al JAFE deĵoran adreson al kiu oni povas ĝin sendi.

Speciala lernolibro por fervojistoj (aŭtoro mgro Gvozden Sredić) estas tradukita flanke de Mira Lipiĉar kaj eldonita helpe de Fervoja Ekonomio Ljubljana. Transdonante la unuan ekzempleron al sinjoro Vladimir Tkalec, direktoro de la Fervoja lerneja Centro en Ljubljana, la aŭtoro esprimis deziron ke tiu eldono alportu multajn novajn junajn esperantistojn en Slovenio.

En la kultura parto de la solenaĵo partoprenis fervojista societo "Tine Rožanc" kaj okopo "Fratoj Pirnat".

F. Ero

### Hungario

**Pliperfektiga kurso**

La fervojista Sekcio de Hungara Esperanto Asocio organizis pliperfektigan kurson por la estraranoj de Hungaraj Fervojistaj fakgrupoj. La kurso okazis la 27an kaj 28an de aprilo apud la lago Velencei en vilaĝo Gárdony, en Fervojista Ripozdomo. La Fervojista Sindikato subtenis la kurson kaj finance kaj morale. Partoprenis ĝin 33 gekolegoj esperantistaj.

En la kadro de tiu kurso s-ino Éva Farkas prelegis pri la metodo de klubprogramoj, s-ro István Gulyás konatigis la laborprogramojn de Fervojista Sekcio por la jaroj 1985 kaj 1986. D-ro István Bácskai prelegis pri la preparo de Jubileo de Esperanto. D-ro Ferenc Jáki konatigis la novan regularon de lingvo-ekzamenoj de HEA; Oszkár Princz parolis pri la temoj de efika membro-varbado kaj organizo de Esperanto-grupoj. Elstara programero estis la prezentado de kolego József Nagy sub la titolo: Kiel oni prepariĝu por rakonti travivaĵojn; samtempe li prezentis diaporama-sisteman projekciadon en diversaj temoj. D-ro Imre Pethes prelegis pri la agado de MEM.

Ĉiujn prelegojn sekvis duonhora konsulto. Fine la oficialajn programojn fermis Forumo, kiun gvidis la ĉefsekretario de HEA, s-ro D-ro Endre Baráth. Sonis multaj tre interesaj demandoj al li pri la Esperanto-Movado, pri ties laboro kaj enlande kaj internacie.

Krom la oficialaj programeroj la ĉeestintoj tre saĝe eluzis la eblecon por konversacii, interŝanĝi spertojn de la movada agado.

Resume tiu kurso estis tre utila por la partoprenintoj. La estraro de Fervojista Sekcio regule volas aranĝi tion ankaŭ estonte.

János Patay

## TK-RAPORTO

La Terminara Komisiono tradukas la 6-lingvan fervojan leksikonon de UIC, la trian eldonon (LG III). Ĝi ampleksas 11679 fervojfakajn terminojn. IFEF intencas aperigi Esperanto-suplementon kun Esperanto-indekso al tiu leksikono.

Helpe de 40 kunlaborantoj el 14 nacioj LG III jam estas komplete tradukita. Tamen ni ne povas eldoni la tradukaĵon, ĉar UIC aperigos baldaŭ la kvaran eldonon (LG IV). Por esti aktuala, TK devas adaptiĝi al tiu LG IV, en kiu oni prezentos multajn novajn terminojn laŭ la enorma teknika kaj organiza evoluo. Same oni forigos ĉiujn ne plu aktualajn terminojn. Ekz. pri la vaporlokomotivoj ktp.

La proceduro por transpreni LG IV en nian tradukaĵon estas preparita.

Ĝis tiam ni atente tralaboras kontrole nian tradukaĵon. Ni komparis la sinonimojn, ĉu ili estas en la Esperanto-tradukoj ankaŭ sinonimaj. Tiu tasko jam estas farita. Nun ni kontrolas la fakvortojn laŭ la temoj, ĉu eble estas diferencoj en la samspecaj fakvortoj. Ni, ekz., kunmetis ĉiujn terminojn de la leksikono sub regejo, katenario, trakforko, transmisio kaj aliaj kaj zorgas pri homogeneco en niaj tradukoj.

Estonte ni informos vin ĉiloke pri interesaj detaloj kaj pri la progreso de la laboro de la Terminara Komisiono de IFEF. Ni estas ankaŭ pretaj respondi al demandoj publike.

Dieter Hartig
Redaktoro TeKu

## GASTEJA HONORIGO

En la centro de Stoke-on-Trent (en la mezo de Anglujo) estas la sola trinkejo (angle: pub) en Britujo, kiu havas la nomon "La Verda Stelo". Ĝi troviĝas en "Esperanto Way".

En "La Verda Stelo" okazis je la 16a de aŭgusto la ĉiujara ceremonio por honori la kreinton de la internacia lingvo. 45 esperantistoj el Britujo kaj alilande ĉeestis la ceremonion.

La ĉefaj gastoj estis eminentuloj, kiuj instruis kaj prelegis dum la lernejo kaj konferenco ĉe la 25a Barlastono Jubilea Dusemajno: D-rino Marjorie Boulton (direktorino), D-rino Kathleen Hall, Prof. D-ro Paul Neergaard (Dana sciencisto de monda renomo kaj vic-prezidanto de la Akademio), Prof. Stanley Nisbeth (Skotlando) kaj D-rino Magda Šaturová (profesia redaktoro el Ĉeĥoslovakio).

En la fotaĵo estas (maldekstre) D-rino Boulton kaj (dekstre) la brila poeto, William Auld kiu pendigis la florkronon super la Zamenhofa memor-stelo, kiu staras apud la enirejo de "La Verda Stelo". En la mezo estas Frank Curtis, sekretario de la Brita Sekcio de IFEF, kiu salutas la kunvenon. Kompreneble aperas en la montraĵo malantaŭe ekzemplero de nia "Historio" de la Fervojista Esperanto-Movado.

Raportis: W H Simcock



## PLIVASTIGO DE LA EŬROPA KOMUNO KOSTOS MULTAJN PLIAJN MILIONOJN POR TRADUKADO

Antaŭ almembriĝo de Hispanio kaj Portugalio oni kalkulis, ke du aldonaj lingvoj plialtigos la kostojn por interpretistoj je 60% kaj por tradukservo je 30%. Pli ol 180 milionojn (laŭ germanaj markoj) la komunumo jam nun pojare elspezas por la lingva servo. Interpretistoj por nur unu konferenco kostas nun 12.000 GM. Je 7 lingvoj eblas 42 kombinacioj. Kiam estos pliaj du lingvoj, eblos 72, kio multekostigos unu konferencon al 20.000 GM.

El 10.000 "eŭrokratoj" laboras 1700 kiel interpretistoj kaj tradukantoj. Oni planas, ke estontece la angla kaj franca lingvoj ludu la ĉefan rolon kaj intencas enkonduki "plisimpligitan" lingvosistemon. Tiam ja ĉiuj rajtos paroli en sia gepatra lingvo, sed ne povos atendi, ke respondoj aŭ dokumentoj same estos prezentataj (ekstrakte el germana gazeto "Westdeutsche Allgemeine")

Ni demandas: kiu donas la rajton al la Eŭropa Komuno, sed same al aliaj internaciaj organizoj, postuli de ni ordinaraj homoj, ke ni devas daŭre pagi tiun superfluan sensencaĵon?

Gi

---

## 80JARA JUBILEO DE "TRANSPORTEN GLAS"

Informas: Lilija Koleva

Jaroj de alta respondeco, de fidela kaj sindona servo al la popolo! Jaroj malfacilaj por la faka transporta gazetaro en Bulgario!

La komenco estis la gazeto "Fervojisto", aperinta en aprilo 1905, per lingvo kaj stilo klaraj, ĝustaj kaj kompreneblaj por ĉiu leganto. Nun ĝi estas arkiva trezoro.

Post kvin jaroj estis eldonataj la gazetoj "Telegraf-poŝta gazeto" kaj "Havena laboristo".

La fondo de la Unuiĝo de la Transportaj Laboristoj en la jaro 1911 donis la ideon por unu komuna gazeto. La ideo realiĝis en la jaro 1920, kiam aperas la gazeto "transport". Pro politikaj kaŭzoj ĝia aperado ne estis regula.

Daŭriganto kaj heredanto de la tradicioj de la faka transporta gazetaro estas la gazeto "Transporten Glas", kies unua numero datiĝas de la 1a de januaro 1931. Ĝi rapide atingis la aŭtoritaton de bona amiko, konsultanto, energia organizanto, esprimanto de la bezonoj de la transportaj laboristoj de ĉiuj kategorioj, brava defendanto de iliaj interesoj. Ĉiam ĝi estis konstante je sia posteno. Ĝi ne estis nur kronikisto de la laborista agado en la pasinteco, sed nuntempe ĝi daŭre estas gvidata de sia maltrankvila, krea spirito, de la strebo al senĉesa renoviĝo. Kiel Transporta Sindikata organo ĝi respegulas la profesiajn atingojn de la laboristoj, kritikas, kuraĝigas. La kunlaboro kun alilandaj fakaj eldonaĵoj pliriĉigas ĝian enhavon. Ĝiaj paĝoj per siaj multvariaj rubrikoj allogas grandan kaj altkvalitan rondon de aŭtoroj. Plezurigaj legaĵoj estas la artikoloj kaj la informoj pri la kultura kaj sporta vivo de la transportaj laboristoj. Abundas materialo, laŭ la leteroj de la legantoj. Ĉiu numero publikigas transport-temajn verkojn en poezio kaj prozo.

Kun ĝojo kaj fiero la bulgaraj transportaj laboristoj kaj oficistoj festos la 80jaran jubileon de sia faka gazeto. Generale agnoskita, serĉata kaj ŝatata ĝi estas voĉo de la vero, ilia flago! Tute merite ĝi ricevis multajn ŝtatajn premiojn.

## EL LA FERVOJA MONDO

**La plej longa fervoja ponto**

En Ĉina Popola Respubliko oni komencis konstruon de la plej longa fervoja ponto, kiu longos 10.282 metrojn. Ĝi superpontigos la Flavan Riveron kaj kunligos provincojn Ĥunan kaj San-tung. Ĝi estos je 3.300 metrojn pli longa ol la ĝis nun plej longa ponto en Ĉina Popola Respubliko, kiu superpontigas riveron Jangzio proksime de Nankino.

**Kio estas "SEALINK"**

"Sealink UK Ltd" estas organizo subordigita al Britaj fervojoj, kiu praktikas ŝiptransporton de pasaĝeroj, varoj kaj veturiloj al insuloj troviĝantaj en Manika kaj Kaleza markoloj, al insulo Wight kaj al Irlando. Ĝi praktikas ankaŭ pramŝipan transporton trans Manikan markolon en kunlaboro kun francaj fervojoj, Belgio kaj Nederlando. Ĝia floto de pramŝipoj estas la plej granda en Eŭropo; temas pri 30 pramŝipoj, pluajn 15 posedas ĝiaj kompanioj sur la kontinento. Ĝi posedas marhavenojn Harwich, Parkeston Quay, Folkestone, Newhaven, Fischguard, Holyhead, Heysham kaj Stranraer. Entute ĝi trafikas 24 ŝipliniojn, sur kiuj ĝi transportas 18,6 milionojn da pasaĝeroj, 2,2 milionojn da ŝoseo-veturiloj kun iliaj pasaĝeroj kaj varoj.

**TGV Atlantik**

Jam en 1984 oni komencis konstruon de la nova franca rapidvojo TGV Atlantik, unue en parto Parizo Montparnasse-Montrouge kaj Fontenay-Massy. Ĉijare oni konstruos jam sur la tuta linio de tiu ĉi rapidvojo krom departemento Loir-et-Cher. Se oni sukcesos konstrui ĉion laŭplane, oni komencos la trafikon jam en 1989. Entute oni mendis 91 elektrajn unuojn kun sinkronaj trakciaj motoroj - termino de la livero estas jaroj 1989 ĝis 1990.

**Okulvitroj kapablaj haltigi la trajnon**

Okulvitrojn kapablaj haltigi la trajnon pretigis por lokomotivestroj laborgrupo de junaj specialistoj el entrepreno Herman Dunker en Ratenow (GDR). Se laca stiristo de la lokomotivo, surhavanta okulvitrojn kun enmuntita mekanismo, nur ekdormas, vekos lin averta lumsignalo. Se li ekdormas pli profunde, vekos lin laŭta sonsignalo. Se nek tiu ĉi signalo vekas lin, la bremsa sistemo de la lokomotivo aŭtomate komencas bremsi kaj haltigas la trajnon.

**En rapido de la ĉevaloj**

Neordinara okazintaĵo okazis la 8an de januaro ĉijara sur la ĉefa fervojlinio Prag-Košice en Ĉeĥoslovakio. Proksime de fervojstacio Moraviĉany (Moravio) alkuris du furioziĝintaj ĉevaloj de la forstokultura entrepreno Litovel kaj kuris sur la trako direkte al fervojstacio Ĉervenka. La ĉevaloj ne reagis je avertsignaloj de la ĝuste alveturanta pasaĝertrajno kaj daŭrigis kuri antaŭ la trajno sur la trako direkte al Ĉervenka. La lokomotivestro de la pasaĝertrajno devis alkomformigi la rapidecon de la trajno al tiu de la ĉevaloj kaj postsekvi ilin ĝis fervojstacio Ĉervenka (pli ol kvar kilometrojn), kie oni sur la kajo sukcesis kapti la ĉevalojn.

Kaj oni ofte diras: obstina kiel mulo ...

**Fervoja linio al la flughaveno.**

Italaj fervojoj preparas konstrui novan fervojan linion, kiu kunligos Romon kun teritorio Flumicino, kie situas flughaveno Leonardo da Vinci. La fervoja linio ekfunkcios en la jaro 1990 kaj oni dum la konstruado ĝis naŭdek procentoj uzos la nuntempan trakaron gvidantan el Romo, el fervoja stacio Ostiense al Flumicino.

**Fervojoj en Pollando**

Pli ol unu triono de la fervojaj

linioj en Pollando estas elektrizitaj. Sole pasintjare oni en Pollando transdonis al la trafiko 470 km de elektrizitaj fervojlinioj kaj la suma longo de la elektrizitaj linioj superas 8.300 kilometrojn. La polaj konstruantoj pasintjare modernigis ankaŭ kelkajn manovrajn kaj transŝarĝajn staciojn, inter ili en Wroslaw, Lublin kaj Tarnów.

**"La plej" sur trakaro SĴD**

En sia programo de provekzamenado de longaj vartrajnoj kun granda pezo faris sovetiaj specialistoj en la jaro 1984 vicon da eksperimentoj. Unu el ili inkluzivis vartrajnon 4.668 metrojn longa, konsistanta el 312 vagonoj kaj kun totala pezo 30.220 tunojn. Ĝi ekveturis el la ekibaztuza regiono de surteraj karbominejoj al mil kilometrojn malproksimaj elektrocentraloj en Uralo. La eksperimento efektiviĝis pasintjare en aprilo, kaj la vartrajno trafikis per meznivela rapido 40 km/h. Baldaŭ post tio, jam en majo, trafikis sur la trakoj de la fervojlinioj en sovetia Meza Azio vartrajno 5.500 metrojn longa, konsistanta el 375 vagonoj kun varoj; la totala pezo estis 31.000 tunoj. Tiuj ĉi eksperimentoj montras vojon al kuranta uzado de vartrajnoj kun pezo okmil ĝis dekdumil tunoj sur ĉefaj sovetiaj fervojoj en proksima estonto.

**Moderne en Kolombio**

Medellin, la dua plej granda urbo en Kolombio, havos jam en jaro 1988 modernan sistemon de la surtera trafiko por mallongaj distancoj. En ĝia realigo partoprenos konsorcio de firmaoj el FRGermanio kaj Hispanio sub direktado de la fabrika entrepreno MAN. Al du milionoj kaj duono da loĝantoj de tiu ĉi grandurbo en Kordilero servos reto de traklinioj kun totala longo tridek kilometrojn kun 24 stacioj.

Kompilis Jindřich Tomíŝek

## UNIVERSITATA DISERTACIO PRI ESPERANTAJ LIBRAROJ

En junio 1984 Eleonora Worsztynowicz prezentis ĉe la Universitato de Poznań sian licencian disertacion s.t. "Kolektoj de Esperantaj eldonaĵoj". Tiu 180paĝa disertacio, kiun alte aprezis Libroscienca Instituto kaj polaj esperantologoj, donas multflankan analizon laŭ historio kaj nuna stato, kaj ankaŭ eltiras konkludojn por estonto lige kun centjariĝo de Esperanto.

Adreso de la aŭtorino:
Eleonora Worsztynowicz, ul. Poznańska 26/37, PL 63-100 Srem, Pollando.

## FERVOJA GRUEGO

Komence de 1986 Danaj Statfervojoj (DSB) akiros novan veturgruon, kiu povos levi 150 tunojn en areo kun radiuso de 10 metroj, kaj tio sufiĉas por levi la plej pezan lokomotivon de DSB, nomitan Mz.

Ĉefe la gruo estos uzata en kazo de eltrakiĝoj, sed ĉar ĝi povas levi ĝis 32 metra alteco, ĝi estos uzebla ankaŭ ekzemple je pontkonstruoj.

La gruo povos esti transportata per rapideco ĝis 120 km/h, ĝi do rapide povos esti ĉe la loko, kie bezonata. Komputero kalkulas la ŝarĝproporcioj

Liveros ĝin je prezo 14 milionojn da danaj kronoj germana firmao en Düsseldorf.



## INTER-RAIL

**Inter-Rail** estas la eŭrope uzata esprimo por unumonata veturkarto por junuloj ĝis 26jaraĝaj. Aĉetinte tian veturkarton oni rajtas veturi laŭ la fervojoj en tuta okcidenta Europo kaj en pluraj orienteŭropaj landoj tiom ofte kaj longe kiom oni deziras dum unu monato.

Tre, tre multaj gejunuloj utiligas tiun eblecon pakinte sian dorsosakon.

La Danaj Statfervojoj DSB supozas, ke en 1985 oni vendos ĉ 25.000 tiajn veturkartojn. Kompare en 1984 oni vendis 21.000 kaj en 1983 18.000.

La 29an de junio pasintjara oni en la ĉefstacidomo de Kopenhago inaŭguris tiel nomatan "Inter-Rail-Centron". Nivele kun la kajoj - do sub la stacidoma planko oni ekipis antaŭan trapasejon per lignaj benkoj kaj tabloj, kie eblas ripozi, lavi sin, skribi leterojn, ripari siajn vestaĵojn ktp. Gi ne estas tranoktejo, sed estas malfermita de mateno ĝis malfrua vespero.

Kelkaj junaj studentoj prizorgas la ejon kaj helpas la klientojn. Eniro estas permesata nur al posedantoj de "Inter-Rail"-karto aŭ alia por-junulara veturpermesilo.

Dum la unua periodo - 29a de junio ĝis 16a de septembro 1984 - ĉ 37.000 pasaĝeroj frekventis la centron, el kiuj la triono estis knabinoj.

Plej multajn "liveris" Svedio, Britio, Finnlando, Norvegio kaj Francio.

Ankaŭ ĉisomere la alfluo estas konsiderinda, ĉ 500 ĉiutage.

Laŭ nia scio la kopenhaga centro estas la sola siaspeca de la mondo - ĝi almenaŭ estas la unua!

---

Edziĝis skoto kaj mielvojaĝis kun novedzino al Eŭropo. En Dover li aĉetis al ŝi bombonujon. En Parizo li donis al ŝi unuan bombonon, en Berlino la duan. Kiam ŝi en Romo petis la trian, li diris: "Jam ne, karulino! La ceterajn ni konservos por gefiloj!"

## NEKROLOGO

### INĜ FERENC EGRY 1897-1985

Tre doloriga bato de la sorto trafis la membraron de hungaraj esperantistoj, de la Internacia Fervojista Esperanto Federacio - IFEF -, de Hungara Esperanto Asocio - HEA - kaj speciale de la Fervojista Esperanto Fakgrupo en Dunakeszi.

Nia tre amata amiko, samideano, ordiploma Inĝeniero Ferenc EGRY forpasis la 10an de februaro 1985.

Li esperantiĝis nur en la jaro 1960, sed kun ekzemplodona diligenteco dum mallonga tempo li precize, perfekte ellernis la Internacian Lingvon Esperanto kaj aniĝis al la Fervojista Fakgrupo en Dunakeszi.

Post la alproprigo de lingvoscio li tuj aktiviĝis en la landa Esperanto Movado en Hungario.

Li estis membro de komisiono por redakti la Fervojan Terminareton hungara-esperanta kaj esperanta-hungara.

Dekomence li estis ano ankaŭ de la hungara terminara laborgrupo, kaj tre diligente, tre rezulte li partoprenis la internacian traduklaboron de seslingva Fervoja Granda Terminaro. Li estis unu el la plej diligentaj kaj entuziasmaj membroj de tiu terminara laborgrupo.

La kruela morto finis lian ekzemplodonan vivon. Kun granda kordoloro, kun sincera honoro ni gardos lian memoron.

En la nomo de la hungara terminara laborgrupo d-ro Mihály Szegedi

El Terminaro Kuriero 50

---



## KUNKANTU

"Kunkantu" estas la nomo de kasedo, kiu fine aperis post longa prokrasto. "Kunkantu", kantu kun ni, ĝi nomiĝas, ĉar por ĉiuj en ĝi fiksitaj kantoj la tekstoj estas aldonitaj. Tiel ĉiu, kiu aŭdas ĝiajn kantojn, tuj kapablas KUNKANTI. Tio estas ideala por grupvesperoj, ekskursoj aŭ kiel donacaĵo por amikoj en la tuta mondo.

La kasedo enhavas 9 internaciajn kaj 9 germanajn kantojn, kantitajn de Ludwig Fluck (tenoro) kaj Walter Lange (baso). Ambaŭ estas bone konataj, ambaŭ kunagis en la 33a IFEF-kongreso Regensburg, Ludwig Fluck ankaŭ 1985 en la 70a Universala Kongreso en Augsburg, kie li denove rikoltis fortan aplaŭdon.

Tiu kasedo estas eldonita de Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kaj povas esti mendata ĉe s-ro Karl Bernhard, Sauerbruchstrasse 8, D-6700 Ludwigshafen/Rhein. La prezo por la kasedo estas 15 germanaj markoj plus 5 gm por 10 tekstslipoj enveldit aj en folio plus 2 gm por sendkostoj. Tiujn 22 gm bonvolu antaŭe ĝiri al konto 569 08-606 Postscheckamt Frankfurt/M für Sparda-Bank Frankfurt zugunsten GEFA-Konto 953729. Ne forgesu indiki la celon de la ĝirado.

La tekstoj ankaŭ estas riceveblaj sen kasedoj en pakaĵetoj po 10 ekzempleroj por 5 gm plus 1 gm por sendkostoj.

GEFA

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Senhezite enskribiĝu vin ĉe

**Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.),**

J. Demissy, 18 Avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

Ciu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas: 10.10.1985

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved